# Alvoko al niaj studentaj amikoj!

VEKIĜU :

Vi ne estas akademiano, ĉar vi ne estas Jean Rostand ;
Vi ne estas ĉefministro, ĉar vi ne estas ; s-ro Jonas ;
Vi ne estas lingvisto, ĉar vi ne estas Meillet ;
Vi ne estas verkisto, ĉar vi ne estas Tolstoï ;
Vi ne estas kosmonaŭto, ĉar vi ne estas Titov.

Sed ne necesas esti ĉefministro aŭ verkisto por glui afiŝon sur la muron de via fakultato. Ĉu vi ne rimarkis, ke knabinoj kutime malfruas? Tiamaniere la knaboj, kiuj pacience atendas ilin, legas la diversajn informilojn pri estontaj vojaĝoj, perditaj objektoj, ŝanĝotaj kursoj, sendotaj aŭtomobiloj. Ili samtempe rigardos afiŝon pri Esperanto.

Kiam en ĉiuj fakultatoj studentoj scios, ke ekzistas Esperanto, vi povos komenci disvastigi informojn pri tiu stranga lingvo. Ne timu ! oni ofte donos al vi samajn kontraŭajn argumentojn :

— ne sufiĉe da personoj parolas ĝin (!!)
— kial ĝi ne estas devigate lernata?
— kion ni rajtos, parolante ĝin?
— mi jam parolas anglan (germanan,, italan k. t. p.) lingvojn. Ne malkuraĝu !

Kiam vi estos trovintaj simpatiantojn, interesu ilin pri interesaj punktoj pere de Esperanto. Sed ne konduku ilin al la semajna kunveno de la loka grupo, se oni babilas franclingve pri la saneco de sia onklino, la morto de la avo de la bofrato de via najbaro, aŭ pri la neceso aĉeti aŭ ne aĉeti novan pajltapiŝeton por la kunvenejo. Viaj simpatiantoj eble restos simpatiantoj, sed ili ne plu partoprenos esperantan kunvenon dum sia tuta vivo. Sed vi estas junaj, inteligentaj, do faru junaj inteligentajn renkontiĝojn en Esperanto. Uzu modernaĵojn : sonbendojn, filmojn, diapozitivojn... Interŝangu ideojn, informojn pri kulturo, kutimoj, lingvaj problemoj nuna vivo k.t.p. kun gejunuloj el la tuta mondo. En ĉiu parto de tia mondo, ĉiuj grupanoj havas la saman problemon : kion fari dum la kunvenoj? Do vi helpos ilin, kaj vi ne plu bezonos trovi novan ideon, kaj viaj simpatiantoj vidos la praktikan intereson de tiu lingvo.

Sed, viaj simpatiantoj ne estos esperantistoj, se ili ne parolos Esperanton. Do, poste, eblas peti de la dekano la permeson malfermi kurson ĉe la universitato. Tute simple, vi skribos leteron, klarigante vian nomon kaj esp. Diplomojn. Ne ekzistas gravaj kialoj, kiuj povus malpermesi tian kurson. Kaj kiam vi havos studĉambron, vi atendos la klientojn. Ili ne amase venos (kiel en Aix, sed tamen la studentoj pri Esperanto estas tiel multaj, kiel la studentoj pri sanskrito, pola aŭ litova lingvoj).

Kiam kelkaj studentoj parolos Esperanton kun vi, vi kune povos starigi grupon. Nu, grupo bezonas monon. Sed ne komencu peti kotizon de ĉiuj : ili ne konsentos, kaj ne interesiĝos pri la Internacia Lingvo. Vi povos prepari teatraĵon, kantojn, poemojn; vi invitos la lokajn geesperantistojn, kaj ili certe estos kontentaj partopreni tiun vesperon, ĉar plaĉas al ili, ke gejunuloj iomete laboras, kaj donas novan pulson al la vivetanta movado. Vi povos fari balon, se vi trovos senpage ĉambron. Oni malmulte pagas por eniri ; sed, vi vendos la trinkaĵojn trioble la aĉetan prezon. La amikoj de viaj amikoj venos kaj tiu balo pli interesos ilin pri sia nova aspekto ol la kutimaj baloj, en nigraj keloj aŭ grandegaj lumigitaj salonoj.

Ne diru, ke vi komencos morgaŭ, Hodiaŭ vi estas gluonta la afiŝon. Mi multe mirus, se en ĉiu universitata urbo ne troviĝas almenaŭ unu junulo por fari tiun laboron. Se ne estas, mi varme petas de la loka estraro fari tion por ni. Por trovi simpatiantojn komencu paroli pri E. al tiuj, kiuj estas jam membroj de religia, politika aŭ sporta grupo. Ili kutime estas pli malfermitaj : interesiĝantaj al ĉiuj eksteraj agadoj, kaj pli bone klopodas por esti liberaj unu horon ĉiusemajne.

Antaŭ la fino de la studjaro necesas trovi esperantistojn en ĉiu fakultato. Vekiĝu, vi mallaboremaj, kuraĝu konstraŭstari viajn malamikojn. Pardonu, se vi perdis tempon por legi tiun alvokon, sed provu respondi al Claude Nourmont, 3, avenue d'Indochine, 13 Aix (B.-du-R.).

Renée TRIOLLE, vice-président de J.E.F.O.

## TEJO

*22a. Internacia Junulara Kongreso en Pécs*

Post Otsu — Pécs ! Kiel vi jam certe informiĝis, la 22a IJK de TEJO okazos inter la 23a kaj 30a de julio en la aparte bela hungara urbo Pécs. Laŭ nia antaŭvido ĝi estos la plej granda Kongreso de TEJO. Ĝis la 1-a de februaro anoncis sin pli ol 150 gejunuloj el 10 landoj. Ĉi sube ni donas indikojn pri la kotizoj :

*Por la membroj de TEJO* : malpli ol 20-jaraj : 115 NF ; 20-25-jaraj : 125 NF.

*Por la nemembroj de TEJO* : Ili pagas 10 NF pli.

El okcidentaj landoj bonvolu sendi la kotizon al la kasisto de TEJO, s-ro Ulrich LINS — Germarkenstr. 146, 5-Köln-Delbrück, Germanujo, poŝtĉekkonto : 138. 119, Köln.

La kotizoj inkluzivas ĉiujn restadkostojn : loĝadon, manĝadon, programon, kaj la kostojn de trafiko en la urbo. Kun ĝojo ni sciigas al vi, ke la deviga monŝanĝo — v. « Esperanto » 1966-1 — ne validas por la kongresanoj. Do, ĉiuj esperantistoj, kiuj deziras restadi en Hungarujo inter la 22a de julio kaj la 11a de aŭgusto devos pagi nur la kotizon kaj nenion pli ! Eĉ hungara vizo kostos entute ĉirkaŭ 7,50 NF.

La programo de la Kongreso estas tre varia : du teatraj vesperoj, oratora konkurso kun altaj premioj — ĝis 210 NF —, ekskursoj, baloj, ktp.

La Loka Kongresa Komitato, la aŭtoritatoj de la urbo kaj la tuta gastama loĝantaro elkore invitas ĉiujn junajn esperantistojn de Francujo al la 22a IJK !

Vilmos BENCZIK

Pli detalajn informojn kaj aliĝilojn bonvolu peti de LKK.

Adreso : LKK de 22a IJK, *Pécs 1.*, Pk. 114, Hungarujo.

La Prezidanto de Pola Esperanto Junularo anoncis al JEFO, ke ĉirkaŭ 200 Poloj intencas partopreni la Kongreson de TEJO en Pécs.

Ni konsilas al la komencantoj bone sin trejni en Esperanto por plene profiti el la restado.

## JUNULARA ESPERANTISTA FRANCA ORGANIZO
## JEFO

*FRANCA ESPERANTISTO*

Alvoko al ĉiuj, kiuj instruas Esperanton en la lernejojn.

Karaj Geamikoj,

Vi bone laboras por nia movado ! Sed ne restu solaj. Por ke via laboro estu pli efika, vi devas labori kunlabore kun ni !

Do bonvolu nin informi pri via agado : Skribu al Annie Bargeot, La Jonction, 58 Nevers.

Ni antaŭdankas vin multe.

Annie BARGEOT

## STELO - SEMAJNO

En Ruse (Bulgarujo) 10an-17an de aŭgusto 1966.

Adreso : Ruse, Komsomolska 8 S.E.K. = Danuba Studento = Bulgarujo.

La partoprenkotizo (200 steloj aŭ 80 NF por membroj de STELO, 230 steloj por nemembroj de STELO) inkluzivas ĉiujn manĝadojn, tranoktadon, ekskurson al Tirnovo, ĉiuj programojn de la Semajno. Por la okcidentanoj oni pagu la kotizon al la Kasistino de STELO : Claude Nourmont, 3, avenue d'Indochine, 13 - Aix-en-Provence, Francujo, sed la ĉekkonto ; M. Guy Nourmont, Marseille 4.931-51.

## MUELEJOJ DE LA METILERNANTOJ

Se vi deziras rapide lerni la Internacian Lingvon kun eksterlandanoj, sed en nia bela lando, vi povos ĉeesti la intensan esperantan kurson en la muelejoj de la Metilernantoj, en Malval (Creuze). Tie vi tendumos meze de romantika kaj pentrinda regiono. Petu pliajn informojn de J.-P. Boulet, Grande-Rue, 18, Châteaumeillant aŭ de ni rue de chabrol.

# U.F.E. - Aldono al la jara raporto 1965

1) Demando : **kiom da prelegoj okazis ?**
Respondo : 53, kun 3200 ĉeestantoj.

Plie S-ro Ribot respondis al nia enketo, ke li persone faris 227 prelegojn antaŭ proksimume 10.000 personoj.

2) Por la **datreveno de UNESKO** 9 grupoj priparolis, kaj 4 el ili sendis leteron al Unesko.

3) Jen la respondoj pri la demando : Ĉu en via regiono la **intereso por Esperanto kreskis** : 22 ; Stagnis : 8 ; Malkreskis : 4.

4) Ni povas aldoni al « **kongresoj** », ke 40 francoj partoprenis la konferencon de Vieno kaj ke S-ro Cugny salutis je la nomo de U.F.E.

5) Grava afero : Profesoro Gerard partoprenis en la eldonado de **6 lingva libro** pri geologio. La titolo estas : Elemento de Geologio.

Unu el la lingvoj estas Esperanto.

6) En la franca asocio estas diversaj fakoj, kun kiuj ni laboras pli aŭ malpli intime. Ekzemple : Fervojista, Instrua, Katolika, k.t.p. sed ni devas mencii la **radio-amatorojn**, kiuj nombriĝas : 12. Ili elsendas hejme inter si kaj kun eksterlandaj amatoroj. La respondulo estas Sro Chaisnot.

Ni povas aldoni, ke por **Filatelo** ni havas bonan reprezantanton en S-ro J. Rousseau, kiu gajnis premiojn en diversaj ekspozicioj por poŝtmarkoj, kovertoj, ŝtampoj en Esperanto.

7) **Raportoj de la delegitoj** de U.E.A. : 53 respondoj sed 13 delegitoj ne ricevis demandojn. Do 40 delegitoj respondis al 370 demandoj.

Pri turismo : 148 ; laboro : 36 ; religio : 3 ; radio : 6 ; diversaj : 177.

Eksterlanduloj akceptitaj de la delegitoj : 337.

Komercistoj, kiuj estas samideanoj : 40 ; Samideanoj, kiuj laboras en komerco : 20.

8) Intergrupa konkurso 1965 : 1. Perpignan ; 2. Romans ; 3. Les Andelys ; 4. Toulouse ; 5. Angers ; 6. Montpellier.

# A propos de la langue internationale

Beaucoup de personnes se posent une même question, qui est celle-ci : « *Pourquoi l'Espéranto n'est pas plus répandu, bien que son apparition date du début du siècle ?* »

On peut essayer d'y répondre... Ou plutôt, retrouver la réponse, d'un *homme illustre* qui eut, en son temps, à défendre sa langue contre les mêmes accusations lancées actuellement contre l'Espéranto.

C'est *DANTE ALIGHIERI* lui-même, qui précise que ces accusations viennent de « cinq raisons détestables ».

Mais, avant de citer Dante, il faut ouvrir une parenthèse, car il y a lieu tout d'abord d'indiquer — tout le monde ne le sait peut-être pas — que Dante est le créateur de la langue italienne, aidé dans cette rude tâche par le cercle de ses amis poètes. Avant lui, il n'y avait que des dialectes (toscan, sarde, sicilien... etc.), aussi dans la péninsule chacun sentait-il en lui-même, dès cette époque, comme le dit Dante : « besoin d'une langue comprise partout et qui soit dans toutes les villes la propriété de tous et de personne ».

Voici donc les cinq raisons détestables énumérées par Dante :

1°) *aveuglement des préjugés* (ceux qui jugent la langue sans la connaître) ;
2°) *accusation malicieuse* (ceux qui croient que la langue n'a pas de valeur littéraire seulement parce qu'ils ne l'utilisent pas) ;
3°) *désir de fanfaronnade* (ceux qui se vantent et sont fiers de la connaissance de plusieurs langues étrangères) ;
4°) *motif d'envie* (jalousie de la part de petits esprits littéraires) ;
5°) *cœur sans courage* (crainte du ridicule, et admiration de tout ce qui est étranger)

Il y a lieu d'appuyer fortement les motifs donnés par Dante ; ils sont bien dûs en effet à l'ignorance, à l'orgueil et au manque de courage.

Dante, dont la « Divine Comédie » est l'Œuvre magistrale, précise au sujet de sa nouvelle langue tirée des éléments communs à tous les dialectes : « qu'elle sera la nouvelle lumière, le nouveau soleil... et qu'elle illuminera ceux qui sont dans l'ombre et dans l'obscurité ».

Eh bien, ce qui se passait il y a quelques siècles au sein d'un pays, se reproduit actuellement à l'échelle du monde.

De plus, parce qu'avec l'Espéranto il s'agit non d'une langue nationale mais internationale, une autre mauvaise raison s'ajoute aux précédentes : elle est caractérisée par le désir de certains Etats de vouloir imposer leur langue, tendant ainsi a créer une subordination qui, à notre époque, est en opposition avec la volonté d'indépendance de chaque peuple.

Mais, en dernier ressort, pour ceux qui connaissent les possibilités de la langue internationale Espéranto et entrevoient les immenses répercussions de son emploi sur l'amélioration de la vie des peuples de notre globe, il n'existe aucun doute quant à son instauration, plus ou moins lointaine, selon l'évolution, peut-être un peu trop lente, de ce qu'il est convenu d'appeler « la sagesse des nations ».

G. ROUGETET
Ingénieur E.T.P.








# Emission de Téléphilatélie

**du 25 février 1966, à 18 h. 55**

— On sait que l'espéranto a eu pour ambition à sa naissance, et a toujours, celle de devenir la langue universelle. Le timbre-poste, dont le caractère universel n'est plus à démontrer... eh bien, se devait d'utiliser parfois cette langue.

........

**J. Caurat.** — Monsieur Rousseau, vous êtes professeur d'espéranto ; est-ce que vous enseignez à des particuliers ou à des groupes scolaires ?

**J.A. Rousseau.** — Non, j'enseigne au Lycée Condorcet en cours du soir sous les auspices de l'Association Philotechnique de Paris.

**J. C.** — Mais, que je sache, la langue universelle n'est pas obligatoire dans les écoles.

**J.A. R.** — Malheureusement non !

**J. C.** — Vous le regrettez très certainement. Pourtant cette langue est utilisée dans de nombreux autres pays.

**J.A. R.** — Eh oui ! Et puis il y a de nombreuses revues. Voici la revue internationale... une revue japonaise... une revue chinoise... la revue française... et le bi-mensuel de l'espéranto « Heroldo de Esperanto ».

**J. C.** — Et cette même langue universelle nous la retrouvons sur des timbres, et c'est là le propos de notre séquence.

**J.A. R.** — Oui, dès 1925 en Russie, le premier timbre qui utilise la Langue Internationale, est celui émis en l'honneur de Popov, inventiste de radio. Voici le même timbre ...surchargé celui-ci... qui indique qu'il s'agit d'une Centra Telegrafejo en Moskvo ; ... là, le barrage je la nomo de Lénine ; ... puis, c'est le Brésil qui utilise l'espéranto pour annoncer sa huitième foire d'échantillons, ... l'année suivante, la neuvième foire ; ... et, plus près de nous en 1962, dans la série de propagande pour l'Exposition Internationale des Timbres-Postes, la Tchécoslovaquie a émis un timbre avec la mention « Tutmonda Ekspozicio de Poŝtmarkoj ».

**J. C.** — Mais, dites-moi, si nous savons tous que Zamenhof était le père de l'Espéranto ; ce que nous ignorons, c'est quel homme il fut.

**J.A. R.** — Zamenhof est né en 1859 à Bialystok en Pologne russe ; et dès son jeune âge il a été en contact avec des communautés polonaise, russe, allemande et juive ; et il a été à même de constater que cette promiscuité amenait des querelles : c'est ce qui l'a conduit à concevoir, très jeune, une langue internationale, et nous savons que les premiers travaux datent de 1878.

**J. C.** — Quelles études poursuivait-il ?

# Elsendo de Jacqueline Caurat

**de la 25. februaro 1966 je 18.55**

— Oni scias, ke esperanto havis por ambicio ĉe sia naskiĝo, kaj ĉiam havas, tiun de universala lingvo. La poŝtmarko, kies universala karaktero ne plu estas demonstrota... nu, devis al si uzi kelkfoje ĉi tiun lingvon.

........

*J. Caurat.* — Sinjoro Rousseau, vi estas instruanto de esperanto ; ĉu vi instruas privatulojn aŭ lernejajn grupojn ?

*J.A. Rousseau.* — Ne, mi instruas en la Liceo Condorcet (Kondorse') en vesperkursoj sub la aŭspicio de l'Association Philotechnique de Paris .

*J. C.* — Sed laŭ mia scio la universala lingvo ne esas deviga lernobjekoto en la lernejoj.

*J.A. R.* — Bedaŭrinde ne !

*J. C.* — Vi ja bedaŭras tre kompreneble. Tamen ĉi tiu lingvo estas uzata en multaj aliaj landoj.

*J.A. R.* — He jes ! Kaj krome estas multaj revuoj. Jen la internacia revuo... unu japana... unu ĉina... la franca revuo... kaj la duon-monata gazeto « Heroldo de Esperanto ».

*J. C.* — Kaj tiun saman universalan lingvon ni retrovas sur poŝtmarkoj, kaj ĝuste pri tio estas la temo de nia sekvenco.

*J.A. R.* — Jes, ekde 1925 en Rusujo, la unua poŝtmarko uzanta la Lingvon Internacian, estas tiu emisiita honore al Popov, inventisto de radio. Jen la sama poŝtmarko... superpresita tiu ĉi... indikanta, ke temas pri Centra Telegrafejo en Moskvo ; ... tie, la baraĵo je la nomo de Lenino ; ... poste, Brazilo ja uzas esperanton por anonci sian okan specimenofoiron, ... en la sekvanta jaro la naŭan foiron ; ... kaj pli proksime al ni en 1962, en la propaganda serio por la Internacia Ekspozicio de Poŝtmarkoj, Ĉeĥoslovakio emisiis unu poŝtmarkon kun la mencio « Tutmonda Ekspozicio de Poŝtmarkoj ».

*J. C.* — Sed, diru do, se ni ĉiuj scias, ke Zamenhof estas la patro de Esperanto, kion ni ne scias, tio estas, kia homo li estis.

*J.A. R.* — Zamenhof naskiĝis en 1859 en Bialistoko en rusa Polujo ; kaj, de sia juna aĝo li estis en rilato kun societoj pola, rusa, germana kaj juda ; kaj li povis ja konstati, ke ĉiu tiu intermiksiteco estigas kverelojn : kio kondukis lin, tre juna, elpensi, unu lingvon internacian, kaj ni scias, ke la unuaj laboroj datiĝas de 1878.

*J. C.* — Kiujn studojn li celis

**J.A. R.** — Il a fait des études de médecine : en 1885 il est docteur en médecine, et il s'est spécialisé ensuite, à Vienne, en Autriche, dans l'ophtalmologie.

**J. C.** — Et de quand datent ses premiers ouvrages en espéranto ?

**J.A. R.** — Le premier livre a été édité le 13 juillet 1887, La unua libro de la Lingvo Internacia de Doktoro Esperanto, pseudonyme sous lequel il avait signé ce livre.

**J. C.** — Monsieur Rousseau, si l'espéranto résoud les problèmes linguistiques, c'est aussi une langue littéraire. Est-ce qu'il y a de nombreuses œuvres qui ont été traduites ?

**J.A. R.** — Oui, énormément. Voici, sortis de ma bibliothèque, trois livres. « Tio, kion mi kredas » de J. Rostand, traduit par le docteur Berthelot ; « La floroj de l'malbono », Les fleurs du mal, de Charles Baudelaire ; et, traduite par le docteur Zamenhof lui-même, « La Sankta Biblio »... Plus récemment, nous avons une édition remarquable de « La Divine Comédie », illustrée par des gravures de Botticelli, et dans un texte bilingue... italien et espéranto.

**J. C.** — Oui, c'est une très, très belle édition.

**J.A. R.** — Et enfin, ici, un livre sur la vie de Zamenhof, écrit originalement en espéranto par Marjorie Boulton.

**J. C.** — Et, au cinéma ?

**J.A. R.** — Il y a des films, et notamment un, qui nous est cher à nous philatélistes.

........

(extrait du film des P.T.T.)

........

**J. C.** — Zamenhof a été honoré par la philatélie, et nous retrouvons son effigie sur des vignettes postales de différents pays.

**J.A. R.** — Oui, au Brésil qui en 1960 a émis un timbre pour le centième anniversaire de sa naissance ; ... en Bulgarie, également pour le centième anniversaire de la naissance de Zamenhof ; ... la Hongrie ; ... et la Pologne.

**J. C.** — Quand, Monsieur Rousseau, a eu lieu le premier congrès espérantiste ?

**J.A. R.** — En 1905, à Boulogne-sur-Mer, et j'ai le privilège de posséder un document unique : c'est la voix de Zamenhof s'adressant aux congressistes.

........

(enregistrement de la voix de Zamenhof)

........

**J. C.** — Mais différents congrès sont commémorés aussi sur certains timbres.

**J.A. R.** — Oui, par le Brésil, déjà nommé, puis certains pays de l'Est, l'Autriche, la Yougoslavie avec la série surchargée pour Trieste ; et le dernier congrès de 1965 à Tokyo, lui, n'a donné lieu qu'à une oblitération.

*J.A. R.* — Li faris studojn pri medicino : en 1885 li estas doktoro pri medicino, kaj li fakiĝis poste en Vieno (Aŭstrujo) pri oftalmologio.

*J. C.* — Kaj de kiam datiĝas liaj unuaj verkoj en esperanto ?

*J.A. R.* — La unua libro estis eldonita la 13-an de julio 1887, « La unua libro de la Lingvo Internacia de Doktoro Esperanto », pseŭdonimo, per kiu li subskribis ĉi tiun libron.

*J. C.* — Sinjoro Rousseau, se esperanto solvas la lingvajn problemojn, ĝi estas ankaŭ beletra lingvo. Ĉu estas multaj verkoj tradukitaj ?

*J.A. R.* — Jes, multaj. Jen, el mia libroŝranko, tri libroj. « Tio, kion mi kredas » de J. Rostand, tradukita de doktoro Berlot ; « La floroj de l'malbono », de Charles Baudelaire ; kaj tradukita de doktoro Zamenhof mem « La Sankta Biblio »... Pli freŝdata ni havas unu rimarkindan eldonon de « La Dia Komedio », ilustritan per gravuraĵoj de Botticelli, kaj en teksto dulingva... itala kaj esperanta.

*J. C.* — Jes, tio estas tre, tre bela eldonaĵo.

*J.A. R.* — Kaj fine, ĉi tie, unu libro pri la vivo de Zamenhof, originale verkita en esperanto de Marjorie Boulton.

*J. C.* — Kaj, en kino-arto ?

*J.A. R.* — Estas filmoj, kaj nome unu, kiu estas kara al ni, filatelistoj.

........

(ekstrakto el la filmo de P.T.T.)

........

*J. C.* — Zamenhof estis honorata de la filatelo, kaj ni retrovas lian figuraĵon sur poŝtaj bildoj de diversaj landoj.

*J.A. R.* .. *Jes, en Brazilo, kiu en 1960 emisiis* poŝtmarkon por la centjara datreveno de lia naskiĝo ; ... en Bulgarujo, ankaŭ por la centjara datreveno de la naskiĝo de Zamenhof ; ... Hungarujo ; ... kaj Polujo.

*J. C.* — Kiam, sinjoro Rousseau, okazis la unua esperanto-kongreso ?

*J.A. R.* — En 1905 en Bulonjo-ĉe-maro, kaj mi havas la privilegion posedi unikan dokumenton : ĝi estas la voĉo de Zamenhof sin turnanta al la kongresistoj.

........

(registraĵo de la voĉo de Zamenhof)

........

*J. C.* — Sed diversaj kongresoj estas memorigitaj ankaŭ sur kelkaj poŝtmarkoj.

*J.A. R.* — Jes, de Brazilo jam nomita, poste kelkaj Oriento-landoj, Aŭstrujo, Jugoslavio kun la serio superpresita por Triesto ; kaj la lasta kongreso de 1965 en Tokio, ĝi okazigis nur stampadon.








**J. C.** — C'est mieux que rien, dirons-nous. Parmi les grands espérantistes qui pouvez-vous me citer ?

**J.A. R.** — ... Ernest Archdeacon, pionnier de l'aviation; ... Clara Barton, fondatrice de la Croix Rouge Américaine ; ... Tolstoï ; ... Appel ; ... Lumière ; ... Charcot ; ... J. Verne ; ... Langevin ; ... et Mao Tsé-toung.

**J. C.** — Enfin des pays ont émis des timbres en faveur de l'espéranto.

........

(énumération de quelques pays)

........

**J.A. R.** — ... Mais la France est absente ; en tant qu'espérantiste et philatéliste je le regrette vivement. Mais peut-être que pour commémorer le soixantième anniversaire de la remise de la Légion d'Honneur à Zamenhof l'Administration émettra, elle aussi, une vignette qui lui permettra de faire connaître au grand public ce qu'est la Langue Internationale Espéranto.

*J. C.* — Pli bone ol nenio, ni diru. El inter la famaj esperantistoj kiujn vi povas citi al mi ?

*J.A. R.* — ...Ernest Archdeacon pioniron de aviado ; ... Clara Barton, fondintinon de la Amerika Ruĝa Kruco ; ... Tolstoj ; ... Appel ; ... Lumière ; ... Charcot ; ... J. Verne ; ... Langevin ; ... kaj Maŭ-Zaŭ-Dung.

*J. C.* — Fine, landoj emisiis poŝtmarkojn favore al esperanto.

........

(nomado de kelkaj landoj)

........

*J.A. R.* — ... Sed Francujo forestas ; kiel esperantisto kaj filatelisto mi forte bedaŭras tion. Sed povas esti, ke por memorigi la sesdekjaran datrevenon pri la dono de la Honor-Legio al Zamenhof la Administracio emisios — ankaŭ ĝi — unu poŝtan bildon, kiu ebligos konigi al vasta publiko, kio estas la Lingvo Internacia Esperanto.

---

Le Service de Presse d'U.F.E. et J.A. Rousseau expriment leurs plus vifs remerciements à Madame Jacqueline Caurat et à son équipe, au Service des Relations Extérieures des P. et T. et à Monsieur l'Attaché Culturel de la R.P. de Pologne, qui ont permis la parfaite réalisation de la séquence réservée à la Langue Internationale dans la célèbre émission « Téléphilatélie ».

La Gazetara Servo de U.F.E. kaj J.A. Rousseau esprimas siajn dankojn al sinjorino Jacqueline Caurat kaj ŝia teamo, al la Servo pri Eksteraj Rilatoj de P. & T. kaj al sinjoro la Kultura Ataŝeo de la P.R. de Polujo, kiuj ebligis la perfektan realigon de la sekvenco rezervita al la Lingvo Internacia en la fama elsendo « Téléphilatélie ».

---

## DUA LISTO DA ALIĜINTOJ AL LA NACIA KONGRESO

S-ro Llech-Walter, Perpignan
S-ro Thiollière, Saint-Etienne
S-ro Valluet, Orléans
S-ro Vérot, Saint-Etienne
S-ro Rabineau, Selles-sur-Cher
S-ro Thierry, Paris
S-ro Bissey, Casteljaloux
Familio Rousseau, Paris
S-ino Lavallée, Le Havre
Ges-oj Debande, Valence-d'Agen
F-ino Chérie, Bayeux
Ges-oj Cheverry, Angers
F-ino Petrova, Sofia
Familio Chappelier, Nancy
S-ro G Champ, Montréal 32
Ges-oj Jullien, Aix-en-Provence
F-ino Verry, Perpignan
F-ino Vidal, Perpignan
Ges-oj Curnelle, Lambersart
Ges-oj Joseph, Levallois-Perret
S-ro Courtois, Paris
F-ino Vierne, Montpellier
F-ino Hortolan, Montpellier
F-ino Claude, Paris (kun alia kongresanino)
F-ino Clavier, Caluire
F-ino Carré, Villefranche
Ges-oj Garrigue, Marseille
F-ino Minault, Toulouse
Ges-oj Cugny, Dijon
Familio Motto, Béziers
S-ino Lacrampe, Toulouse
Ges-oj Mesplède, Limoges
S-ro Vidou, Agen
F-ino Triolle, Marseille
Ges-oj Pons, Pamiers
F-ino Villanova, Marseille
S-ro Jurquet, Marseille
S-ro Christofol, Toulouse
S-ino Fraccioli, Marseille
Ges-oj Contart, Norrent-Fontes
F-ino Lepinte, Dijon
S-ro Soum, Toulouse
S-ro Dettwiller, Grenoble
Ges-oj Demolliens, Houilles
S-ro Simonnet, Vincennes
S-ro Bourdeaux, Paris
Ges-oj Babin, Rochefort-sur-Mer

### HONORALIĜOJ

D-ro Maillard, Bourg-la-Reine
S-ino Vincent, Les Andelys
Ges-oj Yelland, Aspremont
S-ro Jelenc, Châtellerault
S-ro Manceau, Creutzwald
S-ro Chaigneau, Bordeaux
Frato Marmou, Tournon-Brie
S-ro Motillon, Tours
S-ro Boone, Agen
S-ro Bourdelon, Marseille

### SERIOZA INVITO AL POLLANDO

Instruistino en pola Pedagogia Liceo ege deziras viziti Francujon venontjare en somero (julio-aŭgusto).

Ŝi — altinstruita sinjorino — havas ĉ 60 j. kaj kiel sperta, longjara instruistino estas bone salajrata. Ŝi estas tre vigla kaj bonhumora virino, **bone scianta la francan.**

Ŝi estas preta bone kaj kore gastigi en sia hejmo kaj en Pollando unu francan instruistinon, kiu dezirus reciproke viziti Pollandon kaj reciproke gastigi ŝin en Francujo.

La kandidatino povas skribi franclingve rekte al ŝi je la adreso :

S-ino Profesorino Maria NIKOSIEWICZ
La Pedagogia Liceo
ul. Świerczewskiego 27
Wrolaw, Pollando

# ARMAND SU



La juna ĉina E-poeto Armand Su estas amanto de Francujo kaj de la franca lingvo, kiun li ellernis en 1954, kiel 17-jara junulo, kaj ĝin ofte praktikis parole kaj skribe.

Li konis la francan belarton jam en la plej frua knabaĝo. En 1946, 9-jara, li legis en infanrevueto pri **Cézanne** kaj **Millet** kaj ekadmiris iliajn pentraĵojn. Unu jaron poste li legis la faman rakonton **« La dernière leçon »** de A. Daudet, kiu lin ĝislarme kortuŝis. Kiel 13-jara knabo, li konatiĝis kun la famaj verkoj de Romain Rolland **« Vie de Beethoven »** kaj **« Jean Christophe »**. Poste li legis **Hugo, Lamartine, Zola, Balzac, Flaubert, Maupassant, Gide, Stendhal, Dumas, Vigny, Verlaine, Rimbaud, Mallarmé** ka. Cetere, li bone konas la muzikverkojn de **Berlioz, Bizet, Gounod, Saint-Saëns, Debussy, Ravel, Massenet, Offenbach, Dukas, Fauré** ka.

Post kiam li ekkonis la francan lingvon en 1954, li multe legadis francajn librojn kaj gazetojn, kiuj pliriĉigis lian scion pri la nuntempa franca kulturo.

Inter liaj poemoj verkitaj diverslingve estas kelkaj verkitaj france en 1957. Cetere, li verkis franclingvan artikolon pri la granda rumana poeto **Eminescu (1850-1887)** por la ilustrita rumana revuo « Roumanie d'Aujourd'hui » (n-ro 12 de 1961). La artikolo estis tradukita el la franca en la anglan, germanan kaj hispanan lingvojn por alilingvaj eldonoj de la sama revuo.

Kiel esperantisto, li dediĉas ankaŭ grandan atenton al la tradukado el la franca en esperanton. Ekzemple, de li aperis E-tradukoj de fragmento el la libro **« Avant et Après »** de Gauguin (« Norda Prismo » 5-6/1960) kaj de la lasta poemo de Emilia Chopin (« Norda Prismo » 4/1962).

*La belga E-revuo « Sonorilo » (2-1963) skribas pri lia nomo « Armand » : « ... Li portas okcidentan nomon, kiun li tre ŝatas, ĉar ĝi memorigas lin pri la sentimentala junulo en la novelo de Dumas-filo. »*

# Nia Franca Amikino Anne

En julio de 1957, mi ricevis leteron de nekonata franca studentino, f-ino Anne M., kiu tre amas Ĉinujon. Leginte pri mi en iu itala revuo, ŝi sendis al mi ĝentilan leteron. Mi tuj respondis al ŝi en la franca, esprimante mian inklinon por Francujo. Kaj per tio komenciĝis nia amika korespondado en la franca lingvo, kaj ni — franca junulino kaj ĉina junulo — fariĝis bonaj amikoj.

Ŝi estas orfino. Ŝia malfeliĉa sorto kaj ŝiaj belaj esprimoj de sentoj multe kortuŝis min. Ŝiaj bildoj fotitaj ĉe Mediteraneo rekreis antaŭ mi ŝian imagon : kaŝtanhara junulino, bela, ĉarma kaj inteligenta, kiu ŝajnis al mi kvazaŭ juna heroino el la franca literaturo aŭ el iu franca Arta filmo.

Ŝiaj leteroj delikate manskribitaj estas plenaj de ŝiaj vivepizodoj : ŝia malsano ekde la 15-a jaraĝo, sia pasio por belarto, ŝia studo, ŝia amo... Ĉio ĉi formis en mia memoro historieton de bela franca orfino sentema kaj meditema.

Ni interbabiladis kiel intimaj amikoj pri literaturo, muziko, pentrarto, amo... ; pri **Beethoven** kaj **Stravinskij** ; pri **Sartre** kaj **Sagan** ; pri **van Gogh** kaj **Manet** ; pri **Philipe** kaj **B.B.** ; pri Parizo **kaj** Folies-Bergères...

Pri sia malsano ŝi skribis al mi je la 18-a de feb. 1958 :

« *... Je n'ai aucun espoir de guérir jamais et de pouvoir me laisser aimer... Je n'ai que l'espoir de mourir, pour ne plus tant souffrir, dans mon corps, dans mon cœur. Et, cependant je ne veux pas me résigner ! Un être humain résigné n'est plus qu'un animal. La vie est une lutte : on ne doit pas se désoler. Nous devons vivre pour les autres, même si nous ne pouvons rien espérer pour nous.* »

Ŝia kuraĝo kaj ŝia malcedemo al la sorto min multe kortuŝis.

Ŝi estas pli aĝa ol mi je 3 jaroj. Pri mia unua amo ŝi skribis al mi en karesa kaj fratina tono samletere :

« *Cher Armand, me permets-tu, en raison de mon affection pour toi, et des quelques années qui nous séparent, de te parler un peu de ton amour malheureux. Crois-moi, un jour ta douleur ne sera plus qu'un souvenir tendre, mêlé de regret, tu pourras aimer à nouveau et peut-être mieux choisir. Car tu sais bien que les premières amours sont souvent décevantes, si parfois les plus belles.* »

Tiuj ĉi belaj kaj simpatiaj vortoj min pli kuraĝigis ol konsolis.

Ŝi alsendis al mi tiom da verkoj de **Ronsard, Hugo, Dumas, Lamartine, Valéry**, k.a., albumojn pri Francujo kaj pri la franca baledo ka., kaj mi reciprokis ĉion ĉi per la sendado de cinaj albumoj, memoraĵoj, silkpentraĵoj ka.

Ŝia geedziĝ-anonca karto min atingis en junio de 1959, kaj mi tuj sendis al ŝi miajn korajn gratulojn pro la fina trovo de la feliĉo.

Novaj zorgoj, nova okupiteco plipezigis ŝian vivon. Post la geedziĝo ŝi jam rare kaj mallonge skribis al mi. Fine en 1961, ekestis longa silento inter ni. Kio okazis ? Mi ne scipovas diveni.

Tamen mi ankoraŭ ame konservas ĉiujn ŝiajn leterojn. Unu el ili tiu de la 21-12-1957 eĉ superis 12 paĝojn ! Neniu amikino al mi tiel longe skribis ! Mi bindis ŝiajn leterojn. Ĉiufoje, foliumante ilin, mi refoje memoras pri mia fora, kara franca amikino Annie, kies sincera amikeco fariĝis la nedisigebla parto de mia junaĝa vivo.

# RECENZOJ

**William SHAKESPEARE : La tragedio de « Reĝo Lear ». Tradukis K. Kalocsay. Serio Oriento-Okcidento, n-ro 6, sub Aŭspicioj de U.E.A. en Konsultaj Rilatoj kun U.N.E.S.C.O. 160 paĝoj, 21 x 15 cm.**

**Eldono de Universala Esperanto-Asocio. Rotterdam, 1966.**

Ekde la unuaj paĝoj, la leganto, kiu volas kontroli la ekzaktecon, la arton, la memstaran belecon de la traduko, ne povas ne admiri la artisto-tradukanton, S-ron K. Kalocsay. Jen estas, kune, la angla kaj la esperanta tekstoj :

ANGLE :

**Kent.** — Is not this your son, my lord :

**Gloucester.** — His breeding, sir, hath been at my charge : I have so often blushed to acknowledge him, that now I am brazed to it.

**Kent.** — I cannot conceive you.

**Gloucester.** — Sed la patrino de ĉi junulo kaptis ja whereupon she grew round-wombed, and had, indeed, sir, a son for her cradle ere she had a husband for her bed. Do you smell a fault?

ESPERANTE :

**Kent.** — Ĉu tiu ĉi ne estas via filo, sinjoro?

**Gloucester.** — Lia edukado, sinjoro, okazis je mia kosto. Mi tiel ofte hontis lin rekoni, ke nun mi jam faras tion tute hardite.

**Kent.** — Mi ne tre kaptas la sencon.

**Gloucester.** — Sed la patrino de ĉi junulo kaptis ja la esencon, sinjoro, ĉar ŝi fariĝis rondventra, kaj fakte, sinjoro, ŝi havis filon por sia lulilo, antaŭ ol edzon por sia lito. Ĉu vi flaras ian pekon?

Same kiel Shakespeare vortludas per la vorto « conceive », Kalocsay vortludas per la vortoj « sencon » kaj « esencon ». Ĉiuj, kiuj spertis la tradukon de vortludo bone scias, ke tiu tasko estas unu el la plej gravaj malfacilaĵoj en tradukarto. Kalocsay ĝenerale bone sukcesis.

Tamen, kelkfoje, li ne tute taŭge, laŭ mi, tradukis tiujn vortludojn, kiuj abundas en Shakespeare-aj verkoj. Ekzemple, kiam la Reĝo de Francujo parolas al Kordelja forpuŝita de sia patro, li angle diris :

« Not all the dukes of waterish Burgundy
« Can buy this **unprized** precious maid of me ».

Jen kun la vorto **« unprized »** tipa Shakespeare-a frazeologio kaj manierismo. Le Reĝo de Francujo volas diri, donante **du** signifojn al la nura vorto **« unprized »**.

« Neniu duko de l' akveca Burgonjo
« Povas de mi aĉeti ĉi tiun **malestimatan, forlasitan,**
« Sed por mi alte ŝatatan virgulinon ».

Kalocsay tre poezie sed ne tute ekzakte tradukis :

« ... « Kaj se ĉiu princo
de l'akva tero de l'Burgonj-provinco
pri ĉi juvelo ignorata vetos,
per prez, nenian ŝin de mi aĉetos ». (p. 18).

Ĉiam restante sur la grundo de ekzakteco, kiam Shakespeare dufoje uzas la vorton « doom », kial do Kalocsay tradukas unue per « decidon », due per « dividon » ? Kiam Kent diras :

« Reĝa Lear,
« kiun mi gloris kiel reĝon, amis
« kiel la patron, sekvis kiel mastron ».

mi pensas, ke du eraroj difektas la lastan linion : « la » ne estas utila. Kontraŭe, ĝi malharmonias, detruante la poezian ritmon ; « sekvis » ne ŝajnas al mi taŭga traduko de la angla vorto « follow », kies signifo, tie, estas « servi », « obei ». Mi estus elektinta « servis », dusilaba vorto, anstataŭ « sekvis ».

Ankoraŭ unu rimarkon plu : Je la fino de la sceno IV-a, (Akto Tria), Kent diras angle :

« Sirrah, **come** on ; go along with us ».

Kalocsay tradukis :

« Sinjoĉjo, **venu,** iru kun ni do ».

**« Venu »** sekvita de « iru » sonas strange en miaj oreloj, **« Come on »** estas ordinara admono tute simila al la esperanta interjekcio « nu ». Por havi la saman nombron da silaboj mi proponus :

« He ! Nu ! Sinjoĉjo, iru kun ni do ! »

Sed tiuj miaj pecoj da kritiko estas nuraj bagateloj kontraŭ la ĝenerala alta kvalito de la tuta traduko. Mi tiel plezure legis ĝin, ke, unu fojon pli, mi pensis — kaj tion mi povus facile pruvi — ke Esperanto, kiel belarta tradukilo inter mastraj plumoj, estas plej taŭga.

Koncerne la tragedion « Reĝo Lear » mi opinias — kaj ankaŭ tion mi povus detale pruvi — ke ĝis nun, NENIU franca traduko povas atingi la altan grandon de ekzakteco trovebla ĉe la KALOCSAY-a traduko. KALOCSAY mem klarigis al ni sian metodon en la postparolo (p. 148). « Mi klopodis fari la tradukon laŭeble fidela kaj konservi ankaŭ stil-apartaĵojn, eĉ idiotismojn, do ne la ŝekspiran lingvon laŭeble simpligi, sed la esperantan tekston laŭeble ŝekspirigi. »

Kaj nun, post lingvaj rimarkoj, kelkajn vortojn mi dezirus aldoni pri la tragedio mem.

Tiu ĉi temas pri grava eraro de Reĝo Lear, kiu forpelas Kordeljan, sian bonan filinon, ĉar li pensas, ke ŝi estas malbona. Samtempe, li donacas siajn tutajn havaĵojn al siaj aliaj du filinoj, kiuj fakte estas terure malfilinecaj. Tro malfrue Lear komprenas, ke li eraris ; sed lia iom-post-ioma kompreno klarigas al li, kia estas « la granda frateco de la suferantoj kun kompato kaj respondeco pri siaj homfratoj ».

Tiu dramo estas unu el la plej imponaj en la verkaro de Shakespeare. Ĝia esenco restas ĉiam valora. Ĝi apartenas al la universala trezoro de belliteraturo kaj finfine jen ĝi estas en universala traduko farita sur la bazo de la plej moderna tendencoj en tradukmetodo, jam brile uzataj de Neweli por « Hamleto ». Tiu libro nepre devas esti ne nur sur via breto de ŝatataj verkoj sed ankaŭ ofte en viaj manoj, en viaj mensoj. Ĝi estu multfoje legata, ĉar ĉiam ĝi restos senfine leginda.

Esperantistoj, studentoj, tradukantoj ĉiam povos ĉerpi el ĝi senfinan instruadon pri stilo, ideoj, arto. Ni esperas ke la serio Oriento-Okcidento longatempe daŭrigos sian aktivecon sur la sama vojo !

Robert MARTIN
agregacia profesoro
pri angla lingvo.

**William SHAKESPEARE : HAMLETO, reĝido de Danujo. Traduko de L.L. Zamenhof. Antaŭparolo kaj notoj de D.B. Gregor. Ilustraĵoj de Mc Intosh. Oka eldono. Editions Françaises d'Espéranto, Marmande. Prezo : 14 F.**

Ĉi tiu nova eldono (la 8-a) de la fama traduko de L.L. Zamenhof estas interesega el pluraj vidpunktoj.

Fakte, la traduko elstaras unua el inter la unuaj

tradukitaj ĉefverkoj, la unua eldono aperis, kiam la lingvo estis ne pli ol sepjara, kaj laŭ la vortoj de prof. G. Waringhien (Eseoj pp. 21 kaj 22) « oni povas multon riproĉi al tiu traduko, sed nekontesteble ĝi havas du meritojn, kiuj forgesigas ĉiajn kritikojn — ĝi estas belstila kaj ĝi estas scenotaŭga. »

Kiel precizigas D.B. Gregor, « la teksto estas tiu de la 1-a eldono de 1894... t.e. la teksto de la 5-a eldono de 1909 liberigita de preseraroj kaj preskaŭ ĉiuj ŝanĝoj enkondukitaj de Beaufront en la 2-an eldonon de 1902, pri kiuj oni ne scias, ĉu ili havis la konsenton de Zamenhoj aŭ ne. »

Sed krome per siaj notoj D.B. Gregor montras ĉiun lokon, kie la Zamenhofa traduko grave diferencas diste la originalo. Oni ja scias, ke la tradukinto ne uzis la originalan tekston sed en germanan tradukon, kaj ne estus seninterese kontroli, laŭ kiu grado la germana teksto, kiu servis kiel bazo, estis mem fidela.

Fine, pro la nova traduko de C.N.M. Newell oni povas per komparo taksi la evoluon kaj riĉiĝon de la lingvo ; kaj tial certe el lingvostuda vidpunkto ambaŭ tekstoj fariĝos klasikaj verkoj. Jen ekzemplo tirita el la fama akto, III, sceno 1-a.

HAMLET

To be or not to be, — that is the question :
Wether it's nobler in the mind to suffer
The slings and arrows of outrageous fortune,
Or to take arms against a sea of troubles,
And by opposing end them ? To die, — to sleep :
No more ; and, by a sleep, to say we end
The heart-ache, and the thousand natural shocks.
That flesh is heir to — it's a consummation
Devoutly to be ar'shed. To die, — to sleep ; —

HAMLETO (Newell-a versio).

Ĉu esti, aŭ ne esti : jen demando
Kiu plej gravas : ĉu pli noble estas
Suferi en l'anim' la kuglojn, sagojn
De l'violenta sorto, aŭ preninte
Armilojn kontraŭ maro da mizero,
Rezisti por ĝin fini ? Morti : dormi :
Jen ĉio ; kredi, ke per dorm' ni finas
La kor-doloron kaj la mil afliktojn,
Heredon de la karn' : jen sort-plenum'
Eĉ pie dezirinda. Morti, dormi ; —

HAMLETO (Zamenhof-a versio).

Ĉu esti aŭ ne esti, — tiel staras
Nun la demando : ĉu pli noble estas
Elporti ĉiujn batojn, ĉiujn sagojn
De la kolera sorto, aŭ sin armi
Kontraŭ la tuta maro da mizeroj
Kaj per la kontraŭstaro ilin fini ?
Formorti — dormi, kaj nenio plu !
Kaj scii, ke la dormo tute finis
Doloron de la koro, la mil batojn,
Heredon de la korpo, — tio estas
Tre dezirinda celo. Morti — dormi —

Kiun version preferi : Mi lasas vin, kara legonto, al tia scivolema zorgo.

Jean THIERRY.

**A. CAILLEUX, A. EHRILICH, R. GÉRARD, A. GORODISKI, J.-P. MICHEL, M. MORENO : ÉLÉMENTS DE GÉOLOGIE EN SIX LANGUES (Allemand, anglais, espagnol, espéranto, français, russe). Paris, Société d'Edition d'Enseignement Supérieur, 1965. — 191 p.**

La laikoj ne devas esperi trovi en tiu ĉi libro simpligitan kurson de geologio. Ĝi estas efektive destinita al la geologoj-specialistoj, kiuj bezonas legi alilingvajn fakajn tekstojn. La aŭtoroj asertas, ke « atente legante du aŭ trifoje ĉiun el la jenaj tekstoj, oni konos la precipaĵojn de la geologia lingvo ». La originaleco de ĉi tiu fakterminaro kuŝas en tio, ke la terminoj estas uzataj en frazoj (ĉefe difinoj), kiuj konsistigas ĉapitrojn : geofiziko, mineraloj, paleontologio, geologiaj fenomenoj, stratigrafio, kaj fine : la Homo. La leganto havas samtempe sub la okuloj la saman seslingvan tekston. Li trovos samtempe riĉan fakvortaron kaj frazeologion de la geologia lingvo.

La francan parton verkis Pro André Cailleux, profesoro en Sorbono kaj eminenta sciencisto. La esperantlingvan parton ni ŝuldas al S-ro R. Gérard (kiu dum longa tempo instruis geografion kaj Esperanton en la pariza liceo Turgot), kun helpo de inĝ. Broise. Oni trovas en ĝi fakajn neologismojn necesigitajn de la postuloj de la koncerna scienco, kiel : **facieso, petro** (anst. **roko**), **terejno** (diference de **tereno**), **glaĉero** (anst. **glaciejo**), **faŭlto** (fr. **faille**) kaj kompreneble multajn esperantigitajn internaciajn fakterminojn.

Ĉi tiu libro konsiderinde pliriĉigos la sciencan vortotrezoron de nia lingvo. Plie, ĝi alportas gravan kontribuon al la enkonduko de Esperanto en la laboron de la sciencistoj. La saĝaj vortoj de la aŭtoroj en la enkonduko : « Se ĉiuj laborraportoj estus tradukitaj en unu internacia lingvo, oni bezonus nur lerni unu lingvon. Tial ni ankaŭ prezentas la esperantlingvan tradukon » estu aŭdataj de la tutmondaj sciencistoj.

Arlette kaj Michel DUC GONINAZ.

**THE CULTURAL VALUE OF ESPERANTO (D.B. Gregor).**

Tiu artikolo estis publikigita en la grava angla revuo « Modern Languages » (Decembro 1965).

Ĝi estas tre bona eta eseo pri la kultura valoro de Esperanto, ĉar ĝi estas konciza kaj logika. Samtempe ĝi neniel estas teoria. Ĉiam s-ro Gregor argumentas sur la bazo de faktoj.

En la enkonduko li konstatas, ke Esperanto estas tre taŭga por poezio, ĉar la fleksebleco de la lingvo estas tute senlima koncerne vortfaradon.

Poste, pli detale Gregor selektas poeziajn liniojn de Kurzens, Newell, Marjorie Boulton, Maŭra, Baranyai, Auld, Rossetti, Baghy, k.t.p.

Enirante prozon, Gregor analizas unue originalaĵojn, kiuj estis tradukitaj en naciajn lingvojn : « Viktimoj », « Nur homo », en ĉinan lingvon ; « Hura ! » en germanan lingvon ; « Printempo en aŭtuno » en francan, ĉinan, hungaran lingvojn. Tiuj libroj estis skribitaj de nia granda Julio Baghy.

Finfine Gregor parolas pri la taŭgeco kaj kultura valoro de tradukitaj naciaj ĉefverkoj.

Lia konkludo estas tute simpla kaj konvinka : Esperanto fakte estas natura, vivplena kaj perfekta lingvo, « kiun ni ne deziras forgesi ! ».

Robert MARTIN,
Agregacia profesoro.

**Raymond SCHWARTZ : VIKTIMO DE ANASTAZIA (1).**

En la 93-a numero de **Sennacieca Revuo** (1965, 56 p., 4 F., kaj ĉiam la sama tede elmodiĝinta kovrilbildo) rimarkendas artikolo de Rol. pri « Romain Rolland kaj la paco », popularscienca artikolo de Lagrange pri la atingaĵoj de la nuntempa biologio kaj ties filozofiaj konsekvencoj kaj bone dokumentita studo de M. Starr pri la « prospero » en Usono, la « plej riĉa lando (en kiu) ankoraŭ homoj mortas pro malriĉeco « kaj » la divido inter riĉuloj kaj malriĉuloj ne malaperas, sed male ». **Negreto,** fragmento el libro de Rikardo Wright ilustras la rilatojn inter blankuloj kaj nigruloj en Usono. Al la literatura parto de la kajero kontribuis denove Dragan Dimitrijević per nebule filozofia satiro, longa kaj sensuka. Dimitrijević kulpis jam lastjare sufiĉe enuigan samstilan « satiron ». Rekulpiĝo ne pardoneblas.

**(daŭrigo sur p. 32).**

